# REVUE FRANÇAISE D'ESPERANTO

## FRANCA ESPERANTISTO

PUBLICATION MENSUELLE

Juillet-Août 1960
28e Année
— N° 192 —

34, Rue de Chabrol, Paris Xe — Métro : Gare de l'Est ou Poissonnière — Tél. : PRO. 55-03.

# LE CONGRÈS DE MONTÉLIMAR




Cliché « Dauphiné Libéré ».

Au centre, M. R. LLECH-WALTER, Président de l'Union.
A sa droite, Mr R. LLORENS, Président du Groupe de Montélimar.
A sa gauche, Mr le Prof. G. CANUTO, Président de l'Association Universelle.

# FRANCA ESPERANTISTO
## REVUE FRANÇAISE D'ESPERANTO



**Secrétariat :**

**Mlle Y. PAULIER.** - Le Secrétariat est ouvert tous les jours de 9 h. à 12 h. et de 14 à 18 h. (sauf dimanches et mardis). Pour toute réponse, joindre une enveloppe timbrée à votre adresse. - **Pour tout envoi d'argent, précisez soigneusement la destination des sommes envoyées sur le talon du mandat.**

**Rédaction :**

**M. Jean THIERRY,** UEF, 34, rue de Chabrol, PARIS Xe. Tél. : PRO. 55-03.

Tous les articles et communiqués ne peuvent être insérés qu'aux conditions suivantes : **être toujours dactylographiés** sur un seul côté de la feuille, avec une marge pour faciliter la lecture et la correction **(un double interligne).** Tous les articles **ne se conformant pas à ces conditions seront refusés par la rédaction.**

*Prière d'envoyer des clichés, et non de simples photos.*

Pour toute demande de renseignements, prière de joindre **une enveloppe timbrée avec l'adresse.**


### U.E.F. COTISATIONS

| | F | NF |
|---|---|---|
| **MEMBRE APPROBATEUR** (Fédération, 20 ; Groupe, 30 ; UEF, 25 ; UEA, 25) | 100 | 1 |
| **MEMBRE ACTIF** | 300 | 3 |
| **MEMBRE ACTIF** (avec abonnement à la « RF d'E » | 800 | 8 |
| **MEMBRE JUNIOR : moins de 21 ans*** (TEJO) et **étudiants**** | 500 | 5 |
| **MEMBRE BIENFAITEUR UEF** (avec abonnt à la « RF d'E ») | 1.500 | 15 |
| **MEMBRE A VIE UEF** (avec abonnement à la « RF d'E »).. | 25.000 | 250 |
| **Abonnement seul à la REVUE FRANÇAISE D'ESPERANTO.** | 600 | 6 |
| **Pour l'étranger — Por eksterlandaj abonantoj** | 700 | 7 |
| SUPPLEMENT POUR **UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO** | | |
| **MEMBRO JARLIBRO** (reçoit l'Annuaire d'UEA) | 825 | 8,25 |
| **MEMBRO ABONANTO** (reçoit « Esperanto » et Annuaire) .. | 1.650 | 16,50 |
| (La kotizoj de junuloj ĝis 21 jaroj* estas respektive **415** kaj **825 F, 4,15 NF** kaj **8,25 NF** ; nun JMJ kaj JMA estas aŭtomate TEJO-anoj ; la pliaĝaj studentoj pagas **plenan** kotizon). | | |
| **MEMBRO SUBTENANTO** | 2.500 | 25 |
| **SIMPLA ABONO AL « ESPERANTO »** | 1.300 | 13 |

Les versements sont à effectuer au trésorier fédéral ou, à défaut, à l'U.E.F. Paris C.C.P. 855-35 Paris.

Les versements concernant le Groupe des Educateurs Espérantistes sont à faire à G.E.E., 6, Rue de la Paix, Baugé (M.-et-L.) C.C.P. Nantes 1501-41. Membre simple : 800 F ; de soutien : 1.000 F ; bienfaiteur : 1.200 F (8, 10 et 12 NF).

* Indiquer la date de naissance ; ** indiquer la Faculté.

# SOMMAIRE





Ĉu via najbato — kolego — konas la ekziston de la Lingvo Internacia ? La montro de gazeto povas iafoje esti la okazo de fruktodona konversacio.



Pro diversaj kaŭzoj la Traduka Konkurso devis esti prokrastita ; sed ĝi baldaŭ reaperos.

# GRANDA SUKCESO DE NIA 52-a NACIA KONGRESO

## en Montélimar, le 4-5 kaj 6-an de junio 1960



Cliché « Dauphiné Libéré ».

En la akceptejo...

Kiel esperebl‌e, nia 52-a Nacia Kongreso montriĝis granda sukceso el pluraj vidpunkto; unue pro la nombro de la ĉeestantoj, kiuj superis 240; aliflanke pro la bona organiziteco kaj la plenumita laboro. En tiu ĉi rilato S-ro Llorens, nia tre sindona delegito en Montélimar, meritas neesprimeblan laŭdon.

La sabato, kiel kutime, vidis la alvenon de la kongresanoj, kaj por ili la Organiza Komitato aranĝis plurajn vizitojn, nome tiujn de nugatfabriko kaj de la urbo; fine de la posttagmezo la akcepto en la urbdomo okazis ĉeeste de granda amaso da kongresanoj.

La vespero en la urba teatro estis rava artaĵo: la Universitata Ĥoro de Valence sub la gvidado de S-ro Akademia Inspektoro Paul Vigroux aŭdigis altrangan programon, en kies plenumado partoprenis preskaŭ 70 geĥoranoj.

Dimanĉon matene en la teatro, farita kongresejo, malfermiĝis la Unua Ĝenerala Kunveno de U.E.F. S-ro Llorens, prezidanto de la loka grupo, ne sen emocio inaŭguris la laboron de tiu kongreso, kiu de preskaŭ unu jaro estis por li fonto de tiel multaj zorgoj! Li ankaŭ dankis la Instancojn kaj gesamideanojn, kiuj lin helpis.

Post li, nia nacia Prezidanto, S-ro Llech-Walter, leviĝas por saluti la kongreson kaj aludi la multajn motivojn de esperebleco por la estonto, inter ili: la oficiala partopreno de UNESKO en la festo de la centjara datreveno de D-ro L.L. Zamenhof, kaj la lerneja kampanjo tutmonda, iniciatita de U.E.A.

Oni aŭdas sonbendajn paroladojn de Prof. I. Lapenna kaj de S-ro Randrianasolo, Ministro de Produktado en Madagaskaro.

Poste S-ro Llech-Walter legas la salutleterojn de Urbestro Jonas de Vieno, nia bone konata S-ro Stein Urbestro de Mainz, Senatano Marius Moutet, Prefekto Maurice Justin, la Rektoro de Grenoble, S-ro Robert Trehin, Joŝiko Kaĵino, kiu estas nun en Anglujo, kaj S-ro Jan Stronne, Prezidanto de la Sveda Movado, F-ino M.H. Vermaas, Direktorino de la Centra Oficejo, S-roj Delaire, Giloteaux, D-ro Maillard, S-roj Micard de la Kulturdomo, kaj Michel de la aŭtomobilfabrika grupo Renault en Le Mans.

Ĉar nia kongreso ĝojas kalkuli inter siaj partoprenantoj plurajn alilandanojn, ili siavice salutas la kongreson : S-ro Chomko - Polujo, S-ro Barmaneter - Germanujo, S-ro Smith-Kelvin - Aŭstralio, D-ro Milwurf - Anglujo, kaj fine Italujo reprezentata de Prof. Canuto, Prezidanto de U.E.A., kiu rezervis al nia kongreso la honoron ĉeesti.

S-ro Ribot aprobigas la protokolon de la kongreso de Tours kaj tiun pri la ĵus finiĝanta jarprogramo, aperintan en F.E. de aprilo 1960 ; S-ro Rousseau, nia kasisto, ricevas gratulojn pro la bonfarto de niaj financoj.

S-ro Thierry parolas detale pri sia kara zorgato « Franca Esperantisto » ; ĝia moderna kaj alloga aspekto plaĉas al ĉiuj. Ĉio estos perfekte glata, kiam niaj-samideanoj bonvolos helpi S-ron Thierry, sendante akuratajn kaj bone verkitajn artikolojn kaj kiam la presisto respektos pli bone la ĝustajn datojn. Ni substreku la deziron de la kongresanaro, ke aperu nia Bulteno ĉiumonate kaj en la sama vesto !

S-ro Rougetet faras raporton pri sia utila kaj esperiga agado apud UNESKO : U.E.F. partoprenas en la Franca Komitato de neregistaraj organizaĵoj. S-ro Rougetet faris tie riĉenhavan prelegon, sekve de kio Esperanto ricevis konstante kreskantan simpation.

S-ro Guillaume parolas kiel Ĉef-delegito de U.E.A. li gratulas la Federaciojn, kies membraro kreskis : tio estas Languedoc, Provence, Rhône-Alpes, Massif



Cliché « Dauphiné Libéré ».

Dum la ekskurso...

Central, kaj Normandio, kiu jam duobligis sian membraron. Kvankam Francujo havas la plej gravan delegitan reton en la mondo , ni ne havas sufiĉe da fakdelegitoj. Sekve ni devas insisti por ilia plinombriĝo. Fine li rekomendas la viziton al niaj Grupoj de D-ro Hamway el Nov-Zelando, kiu venos en Francujon je la fino de la jaro.

La raportoj de S-ino Vincent (Koresponda Servo) kaj S-ro Tardieu (Franca Esperanto-Instituto) estas aprobitaj. Tiuj du gesamideanoj ricevas dankesprimon de la kongreso.

Oni resumas raporton de Prof. Jelenc por la Federacio de Alĝerio. Kompreneble la laboro de nia delegito ne estas tre facila.

S-ro Ribot parolas pri la lemeja kampanjo, decidita de U.E.A., kaj oni starigas komisionon por zorgi pri tiu gravega laboro : estas proponitaj kaj balotitaj S-roj Robert Martin (Rennes), Marcel Jullien (Aix-en-Provence) kaj André Ribot (Marmande). Al ili kuniĝos la komisionanoj de G.E.E., tuj kiam tiu ĉi asocio estos nominta ilin. De ĉiuj gesamideanoj S-ro Ribot petas konfidon por la komisiono : oni ne intervenu propraainiciate ĉe la Ministerio, tiaj agoj fuŝas la progresadon.

Post la kutima foto kaj bongusta komuna manĝo, la kongreso daŭrigas sian laboron kaj aŭskultas du salutajn deklaraciojn de S-ro Malossane, Generala Konsiliano de la Drôme, kaj de S-ro Gouget, Prezidanto de la Internacia Centro de Esperantistaj Kampadistoj, kiu eldiras sian deziresprimon, ke ĉiuj fakasociaj gvidantoj kunlaboru sub la aŭspicio de U.E.F., tiel ke la novaj esperantistoj trovu kiel eble plej multajn okazojn praktiki la Lingvon Internacian.

S-ro P. Petit, Vic-Prezidanto, raportas pri la organizo de nia karavano al Bruselo kaj eldiras la esperon, ke en Parizo oni povos havi internacian kongreson en 1964.

Li ankaŭ elmontras, kiamaniere oni povas taŭge informi la ne-esperantistajn mediojn, i.a. la Popol-Universitatojn.

La Nacia Radio Elsendo registris intervjuon de S-roj Llech-Walter kaj Ribot. Tiu ĉi intervjuo estis aŭdata la saman tagon dum la elsendo de la oka vespere.

S-ro Bourdelon prezentas deziresprimon de la Provenca Kongreso : proponi al UNESKO la tradukadon de la revuo « Le Courrier de l'UNESCO » en Esperanton. Bona ideo, sed ĝi starigas plurajn praktikajn demandojn.

S-ro Piala parolas pri la proksima internacia ralio por kampadistoj (Subteninda afero).

S-ro Chagnoux resumas sugeston de la Montara Federacio, kiu dezirus, ke G.E.E. revenu tutsimple kiel fako de U.E.F. Ĉar la Kotalika Fako jam tiucele prezentis proponon de kontrakto, kiu ne kongruas kun la statutoj de U.E.F. ni studos, kiamaniere oni povos kulabori pli intime kun la diversaj fakoj. Se necese, ni adaptos niajn Statutojn.

S-ro J. Guillaume prezentas la lastan aldonaĵon de : Editions Espérantistes Françaises. Tiu eldonaĵo estas vortaro franca-esperanta de D-ro A. Albault kaj K-lo Léger. Krome, aperis du informiloj por la kampanjo en la lernejoj.

Por 1961 oni sugestas organizi nian nacian kongreson en Besançon. S-ro Joly prezentos la aferon al S-ino Trésorier. Se la afero vidiĝas neebla, ni provos iri al Epernay. En 1962 ni povus akcepti la sugeston de F-ino Touze kaj iri al Toulouse.

Laŭ propono de P. Petit oni elektas S-ron Belhoste honora kasisto de U.E.F.

Jen la personoj, kiuj estas elektitaj al la Komitato de U.E.F. (kiel kutime estas la triono) : S-roj Gouget, Llech-Walter, Llorens, Marly, Motto, R. Petit. Ĉiuj ricevis po 915 voĉojn. La voĉdonoj estis 1.189, sed 137 ne voĉdonis.

Fine oni lotumis por la persono, kiu iros senpage al Bruselo. La unua numero estas 8.977, kiu gajnas la vojaĝon. La dua 8.834, la tria 8.938, kaj la kvara 7.790 ricevos libro-premiojn.

A. RIBOT, J. GUILLAUME.

★

### Trovita Objekto en Montélimar

Okulvitroj en flava ujo (el ledo) estis trovitaj en aŭtobuso dum la ekskursa tago.

Skribu al S-ro LLORENS en Montélimar.

★

### KORESPONDO-SERVO DE U.E.F.

De oktobro mi ricevis ĉ. 100 korespondopetojn, respondis ĉiujn sed ne ĉiujn povis plenumi.

— Multaj forgesas indiki sian aĝon (gravan punkton).

— Kelkaj petas korespondantojn de landoj, kie ne estas sufiĉe da korespondemuloj (Egiptujo, Irano, k.c.).

— Kelkaj estas tro senpaciencaj : se ili ne tuj ricevas respondon, ili ree skribas al mi.

— Kelkaj forgesas aldoni efrankitan koverton.

Estas konsilinde :

— atendi almenaŭ unu monaton, du, se la lando estas tre malproksima ;

— ĉiam indiki sian aĝon kaj interesobjekton, kaj ankaŭ la deziratajn landojn laŭ prefera ordo ;

— enmeti afrankitan koverton kaj tiomfoje 0,50 NF, kiom da adresoj vi petas.

★

### ĈIUJARA FERMO DE LA OFICEJO

La oficejo de la Nacia Centro de UEF, 34, rue de Chabrol, Parizo X, estos fermita de la 3-a de aŭgusto ĝis la 3-a de septembro 1960. Oni bonvolu *ne forgesi*.

★

### F.E. (julio 1960)

| *Dons :* | N.F. |
|---|---|
| S-ro FENEYROL | 2,45 |
| S-ro VÉRON | 1,73 |
| Anonimulo | 1, » |
| S-ro MONTEIRO | 0,50 |
| Sté Toulousaine | 10, » |
| D-ro BOULOGNE | 10, » |
| S-ro CROCHET | 1,50 |
| S-ro P. PETIT | 2,50 |
| S-ro GILBERT | 0,50 |
| S-ro LEGRÉE | 0,50 |
| S-ro CANAT | 2, » |
| Anonimulo | 1, » |
| S-ro PERRELET | 3,90 |
| S-ro COLOMB | 1, » |
| F-ino BOITON | 0,50 |
| S-ro BLANC | 6,50 |
| S-ro FENEYROL | 4, » |

*Membres Bienfaiteurs :*

S-roj LAMANT, JAEGY, APCHER, FENEYROL.

*Membre à Vie de l'U.E.F. :*

F-ino KIRTZ.

# LA TEATRA VESPERO

Eknoktiĝas. La fasado de la urba teatro, jam videbla de iom fore, estas lumigata kaj homoj sin direktas al ĝi.

Hodiaŭ vespere, la unuan vesperon el nia tritaga nacia Kongreso, oni prezentos al kongresantoj muzikan vesperon.

La teatro estas plenpena, fare de esperantistoj kaj ne-esperantistoj, kiam la kurteno malfermiĝas, malkovrante la Universitatan ĥoron el Valence, kies estro S-ro VIGROUX, akademia inspektoro, baldaŭ aperas ankaŭ sur la scenejon.

Dum la unua parto de la programo, post la aŭdo de LA ESPERO, ni aŭskultis ĥoraĵojn el diversaj landoj, kantitajn en la originalaj lingvoj.

Sub la afabla estreco de S-ro VIGROUX, la kantado ravis nin, ĉar li tuj sentigis la profundan sencon de ĉiu kanto.

Ĉe la komenco de la dua parto, ni aŭdis rusan malnovan kanton. Poste ni aŭdis « Gloria-n » de Vivaldi, kantita en latina lingvo de la tuta ĥoranaro.

Ni menciu ankaŭ, ke S-ro SIMONET (el Montélimar) orgenludis dum tiu lasta ero de la programo.

La fortegaj aplaŭdoj, kiuj danksalutis la finon de tiu altnivela prezentado certe montris la la kantistoj kaj ties estro, la kontentecon de la ĉeestantaro.

Jen kongresero, kiun oni nepre enmetu en ĉiujn (almenaŭ naciajn) kongresojn. Ni danku al ĉiuj L.K.K. — anoj kiuj tiamaniere ĝojigis nin.

J. A. ROUSSEAU.

8.6.1960.



Kliŝo « Le Progrès ».

## EL KASTELO MUNCHENWILER apud Murten-Morat (Svislando)

aperis la 6-a Geonista bulteno, kiu anoncas la feriajn kultursemajnojn de la kastelo (7-21 aŭgusto 1960).

« *Geonismo* estas la studado de ĉiuj kulturdemandoj, « kiuj koncernas la Teron en ties tuteco ; ĝi celas formi « konsciajn homojn, kapablajn je tutmonda kunlabo- « ro... Postulata estas nur tio, ke oni interesiĝu pri « la Tero, pri la Homo en la diversaj regionoj kaj « epokoj, kaj pri la ĉiam nova forto de la Vivo. « Prave oni diras, ke la geonismo estas *vivkompreno, « kiu ne postulas unuformecon.* « Restu fidelaj al via « raso, al via lando, al via lingvo, al via religio, « deklaras la geonismo, sed atentu pri la *Homeco*, « kaj agu ĉiam laŭ ĝiaj indikoj. »

Ĉiujn informojn petu de « SVISA ESPEFANTO-INSTITUTO, Breintenrainstrases, 12, Bern, Svislando.



## 13a KONGRESO DE KRISTANA ESPERANTISTA LIGO INTERNACIA EN 1960

La ĉi jara kongreso de K.E.L.I. okazos en HEDENESSE ĉe CADZAND en Nederlando, sur la sojlo de Flandrujo.

Ĝi okazos tuj antaŭ la U.K. en Bruselo, de la 23-a ĝis la 30-a de julio.

Ni kore bonvenigas vin.

Ĉeftemo de la kongreso estos :

« *AKTUALAJ PROBLEMOJ EN LAVIVO DE LA KRISTANO* »

Krome okazos bibliaj studoj, distraj kunvenoj, filmprezentadoj kaj ekskursoj al nederlandaj kaj belgaj banlokoj kaj al la fama belga urbo Bruĝo.

Prezo de la partoprenado en la tuta kongreso, inkluzive de restado, manĝado, tranoktado kaj unu tuttaga ekskurso estas 80,- ned.gld.

Informojn donos al vi :

F-ino Tini Putto, Bennekomsewg 20, EDE (Gld.) NEDERLANDO.

## NOVAJ PROSPEKTOJ EN ESPERANTO EL LA KONGRESA LANDO

Eldonitaj de la « *Informa Centro de Bruselo* », rue du Chêne 10, Eiken Straat, Bruselo, laŭ instigo de la LKK :

1. — « *Bruselo* ». — La teksto estas tre mallonga kaj la faldfolio konsistas ĉefe el belaj nigro-blankaj fotobildoj, kiuj ornamas la 16 paĝojn (10 × 14 cm.).

2. — « *Bruselo-Belgujo* ». — Okpaĝa faldfolio, kiu per multaj belaj fotobildoj invitas al vizitado de la ĉi-jara kongresurbo.

La *Informa Centro* sciigas, ke ĝiaj gvidistinoj donos al vi ĉiajn informojn, por ke vi plej kontentige restadu en Bruselo.

— « *Antverpeno atendas vin* ». — Antverpeno, nia kongresejo de 1911, eldonis luksan faldfolion, kiu, riĉe ilustrita, per tre bona esperanta lingvo invitas al turisma vojaĝo por admiri la tieajn vidindaĵojn. La faldfolio presita laŭ instigo de la Esperanto-Societo « Verda Stelo » enhavas planon de la urbo. Oni povas bedaŭri, nur ke oni ne trovas la nomon de la monumentoj, placoj, preĝejoj, ktp, kies bildoj ornamas la prospekton.

### « Kie abundo estas malofta kaj manko pli malofta — DANIO »

Sub tiu titolo la Ministerio pri Eksterlandaj Aferoj en Danlando ĵus eldonis 32-paĝan libreton pri Danlando.

La teskton verkis Johannes Lindskov Hansen, kaj riĉe ilustrita la broŝuro rakontas pri la lando kaj ĝia ĉefurbo, pri la dana popolo, ilia vivo kaj okupo ktp. Mallonge : ĝi estas bonega enkondukilo en danajn aferojn, speciale redaktita por eksterlandanoj.

Ĉar estas la unua fojo, kiun la Dana Ministerio pri Eksterlandaj Aferoj eldonas *oficialan* publikaĵon en la lingvo internacia, estas dezirinde, ke la Esperanta publiko montru sian intereson por ĝi — simple ĝin havigante al si.

La belega libreto estas *senpage* havebla nur ĉe la diplomatiaj reprezentejoj eksterlandaj, t.e. ĉe la ambasadorejoj de la Dana Ministerio pri Eksterlandaj Aferoj, tial oni sin turnu al la plej proksima dana ambasadorejo por ĝin akiri.

Por C.D.E.L.
Leo SOGAARD-HANSEN.

# PAROLAS RADIO ZAGREB

Jaŭde je la 24,05 horo Ondolongo 274,7 m.

## PROGRAMO POR AŬGUSTO

la 4-an : Pri la Bizancaj monaĥejoj en Jugoslavio.
la 11-an : Raporto pri la 45-a Universala kongreso de Esperanto en Bruselo.
la 18-an : Raporto pri la 45-a Universala kongreso de Esperanto en Bruselo.
la 25-an : Respondoj al korespondantoj kaj novaĵoj el la movado.

# UN ARTICLE "EXTRA"

En vain, de ses bras débiles, le soleil de novembre s'évertuait d'écarter l'épais rideau de brouillard matinal, qui dérobait à mes regards les arbres dénudés, aux doigts transis, et les coquets immeubles, silhouettes gigantesques, alignés tout au long du boulevard du Temps Perdu.

Je m'y promenais, ce matin-là, l'esprit en proie à un vif tourment.

Je devais envoyer à mon ami Marc, rédacteur de notre journal estudiantin « Le Farfelu », un article « Extra », pour son numéro de Noël.

« Tu tâcheras de composer quelque chose d'inédit, m'avait-il recommandé. Pas de Contes de Noël : j'en suis submergé. Pas d'Anecdotes : j'en ai de trop. Pas de « Potins de Lycée », mes oreilles en sont rebattues. Enfin, quelque chose de vraiment nouveau : ce que tu voudras, mais avant fin novembre ! Je compte sur toi, Mickey. »

Ce surnom, dû à l'attrait que j'ai toujours eu pour les sympathiques productions du génial Walt Disney, avait, dans la bouche de Marc, toute sa valeur : en effet, à la demande de mes amis, j'avais dû l'adopter pour pseudonyme ! Par extension, d'ailleurs presque tous m'appelaient ainsi.

Or, nous étions le seize et je n'avais pas encore écrit la première ligne de l'article désiré ! Bien plus, je n'en possédais pas le sujet !

Amis lecteurs, jugez de ma situation et représentez-vous mon tracas !

Je croyais déjà voir les traits fins du visage de Marc se contracter, ses yeux gris étinceler ; il me semblait même l'entendre, de sa voix de stentor, m'adresser les pires reproches...

« Salut, mon vieux Mickey ! »

Au son de cette voix retentissante, aussi sonore que celle de Marc, je sursautai...

Je vis, campé devant moi, mon copain Serge, dont la silhouette athlétique se détachait, imposante, sur le brouillard environnant. Ses yeux bruns, pétillants de malice, illuminaient son visage carré.

« Toujours dans tes rêves, mon pauvre vieux ! Je t'ai fait peur ?

— Disons que tu m'as surpris. Salut, Serge. Vois-tu, j'ai des ennuis.

— De filles ?

— Bien plus graves ! ».

Serge ne me répondit pas, mais à sa physionomie étonnée, je compris que, pour lui, rien ne pouvait être plus grave.

« — Oui, j'ai des ennuis au sujet du Farfelu ».

— Si ce n'est que ça ! »

Serge accompagna cette assertion d'un petit geste de la main, très révélateur du peu d'importance qu'il accordait à la question : je décidai de ne pas m'ouvrir à lui davantage... Il ne m'en laissa d'ailleurs pas le temps. Volubile, il enchaînait :

« Connaîtrais-tu un coin où je pourrais passer mes vacances l'été prochain ?

— Tu n'es pas en retard ! As-tu l'intention de erster en France ou d'aller à l'Etranger ?

— Je n'en sais rien. Mes parents sont obligés, pour raisons d'affaires, d'aller les passer chez des amis, qui ont une propriété à Châtaigne-sous-Bois, un patelin perdu dans la montagne. Alors, tu comprends !...

— Viens donc avec moi à Varsovie. Mon Serge de s'esclaffer :

— Je te reconnais bien là ! Tu as toujours des idées aussi originales !

— Serais-tu devenu chauvin depuis que tu fréquentes Hélène ?

— Hélène ! ? C'est de l'histoire ancienne.

— Pourtant, il y a un mois, c'est bien vous que j'ai aperçus au stade, pour la coupe Tapp contre Caugne ?

— Oui, mais depuis...

— Toujours le même ! coupai-je en riant, pour arrêter là le flot naissant des confidences. Pourquoi ne viendrais-tu pas en Pologne.

— Mon pauvre Mickey, que veux-tu que j'aille faire là-bas. Je ne parle pas Polonais, moi !

— Mais, moi non plus ! Je parle simplement Espéranto : c'est pourquoi je vais y assister au Congrès International des Espérantistes, du 1er au 8 août prochain.

— Exuse-moi, mon vieux, je n'y suis pas du tout. Qu'est-ce d'abord que l'Espéranto.

— Une langue internationale, qui n'a pas été créée pour supprimer les langues nationales, ni même les dialectes, mais pour permettre aux hommes de tous pays de se comprendre. Tu n'en as jamais entendu parler ?

— Non. Et il y a des Congrès internationaux pendant lesquels on l'utilise ?

— Exactement : tous les ans dans la première semaine d'août et chaque année dans un pays différent. Cette année il a lieu en Poolgne, parce que dans ce pays, il y a cent ans, naissait le créateur de l'Espéranto, le Docteur Ludovic Lazare ZAMENHOF.

— Il était né à Varsovie ?

— Non, à Bialystok, le 15 décembre 1959. Mais il mourut le 14 avril 1917 à Varsovie où un tombeau lui est érigé.

— Cela ne fait pas longtemps ! Depuis combien de temps cela existe-t-il l'Espéranto ?

— Depuis 1887.

— Et depuis 71 ans il y a des congrès annuels ?

— Ah non ! Il n'y en a pas eu dès le début.

C'est en 1905, à Boulogne-sur-Mer, que le premier se tint : le Docteur ZAMENHOF et sa famille y participaient. Ensuite vinrent les guerres mondiales, nous empêchant de nous réunir en Congrès : celui d'août 1959 sera seulement le quarante-quatrième.

— C'est déjà beaucoup. Que fait-on à ces congrès ?

— Eh bien ! Un petit peu de tout ! On y écoute les conférences, faites par des sommités de tous pays, dans toutes les branches : Philosophie, Littérature, Sciences, Enseignement, etc... Ces éminents orateurs appartiennent, la plupart du temps, aux associations espérantistes correspondant à leur spécialité. On y écoute aussi des concerts, donnés par de grands artistes. On y assiste à des représentations théâtrales, données par des troupes qui choisissent leurs pièces : soit parmi celles des auteurs écrivant originalement en Espéranto ; soit parmi celles d'auteurs dont les œuvres sont traduites en Espéranto par des linguistes remarquables, sachant reproduire avec fidélité le mouvement du texte et mettre en valeur l'esprit de ces écrivains. Des excursions aux divers sites touristiques de la ville y sont organisées avec compétence. Il y a même, pour ceux qui le veulent et peuvent le faire, des excursions à travers le pays — dans la semaine qui précède, ou dans celle qui suit la semaine du Congrès — parfois pendant ces deux semaines. De plus, pour divertir les congressistes, il y a un grand bal.

— Y a-t-il beaucoup de belles filles ?

— Cette question-là je l'attendais ! Aussi, je lui réponds, avec une pointe de malice :

— Tu penses ! Et de tous les pays du monde !

Serge se gratte la tête : il semble en proie à des réflexions profondes...

Pour être sincère, je dois vous avouer que l'intérêt soutenu de mon copain me surprend au plus haut point : ce garçon, profondément attaché aux réalités matérielles, qui mise pour réussir sur l'attrait indéniable de son physique harmonieux et sur l'importance de la fortune paternelle, profitant de l'un et de l'autre avec toute l'ardeur de ses vingt ans, m'avait toujours paru posséder un esprit superficiel — impression d'ailleurs confirmée par la banalité habituelle de ses propos. Mon étonnement n'a rien de feint lorsque je m'exclame :

« On dirait que ça t'enchante ! ?

— Mon vieux Mickey, c'est formidable ! Mais c'est loin la Pologne !

— Oui, assez loin. Seulement, comme nous partirons avec la caravane française, nous n'aurons aucun souci : L'Union Espérantiste Française, sise 34, rue de Chabrol, dans le 10e, s'occupe de tout.

— Même des papiers ?

Oui. Il nous suffira de verser le montant de notre participation avant le 30 juin 1959, somme minime, parce que nous sommes étudiants ; puis de verser le montant de nos frais de voyage et de séjour au siège de cette association : c'est elle qui nous donnera toutes les instructions nécessaires.

— L'organiation de votre mouvement est merveilleuse ! Mais tu oublies le principal !

— . . .

— Tu oublies totalement, Mickey, que je ne connais pas l'Espéranto !

— C'est un détail : Je te l'apprendrai volontiers.

— Un détail pour toi, Monsieur le linguiste ; mais tu sais bien que l'étude des langues est mon talon d'Achille ! Est-ce aussi difficile que l'Anglais ?

— Aucune comparaison ! L'Espéranto est la langue la plus facile au monde. D'ici au mois d'août, sois persuadé que tu la parleras couramment.

— Tu plaisantes...

— Nullement. D'abord, il n'y a pas d'orthographe : les mots s'écrivent comme ils se prononcent, parce que chaque lettre n'a qu'un seul son, toujours le même.

— Voilà qui est intéressant pour moi ! La prononciation est-elle compliquée ?

— Pas du tout. On accentue toujours sur l'avant-dernière syllabe. Par exemple, le mot « ami » se dit « amiko » : l'accent tonique se trouve sur la syllabe « mi ». Tu comprends ?

— Oui. Seulement la grammaire ne doit pas être aussi facile...

— Si. Il n'y a que seize règles, toutes sans exception. Tous les verbes sont réguliers dans leur conjugaison, même le seul verbe auxiliaire de la langue : « esti », être.

— C'est tentant cet Espéranto ! J'ai bien envie de m'y mettre.

— Quand tu voudras. Tu viendras à la maison et je te montrerai ma collection de cartes postales. Entre autres, j'en ai de Varsovie. Je te ferai voir aussi les photos de mes amis de correspondance, répartis dans le monde.

— D'accord. Quand cela t'arrangera-t-il ?

— Moi ? Tout de suite, si tu veux.

— C'est-à-dire que je n'ai pas le temps : j'ai rendez-vous avec Denise à onze heures. Mais, si tu es libre dimanche matin, je viendrai volontiers.

— D'accord pour dimanche. Amène Denise.

— Impossible à onze heures, je dois justement lui signifier la rupture de nos fréquentations.

— Tu es incorrigle, mon pauvre Serge. Elle n'est donc pas gentille ?

— Si... Mais si tu voyais Anna !... Salut, mon vieux Mickey. Alors, à dimanche !

— Salut, Serge... et merci beaucoup ; tu es un chic copain ! »

En me serrant la main, Serge regarda, avec une stupéfaction visible, mon visage soudainement épanoui, et, de son pas allongé, disparut derrière l'écran de brouillard, sans comprendre...

Mais vous, aimables lecteurs, vous avez saisi ! Le sujet de l'article « Extra », je le tiens... et nous ne sommes pas à la fin novembre.

Ghislaine JACQUET
(Lauréate du Concours).

## CAMPAGNE SCOLAIRE

Le principe d'une Commission Mixte U.E.F.-G.E.E. a été adopté par les Congrès Nationaux de ces deux Associations à Montélimar et à Toulouse. L'U.E.F. au cours de son Assemblée générale a nommé trois membres : MM. Robert MARTIN, Agrégé d'Anglais à Rennes ; Marcel JULLIEN, Agrégé de Mathématiques à Aix-en-Provence ; André RIBOT, Licencié d'Anglais et Secrétaire général de l'U.E.F. Nous espérons pouvoir donner les noms des membres élus par le G.E.E. dans notre prochain bulletin.

Sans plus attendre les membres de cette Commission ont déjà commencé à travailler, chacun dans leur milieu. Pour des raisons d'opportunité, les résultats ne seront annoncés que lorsqu'ils auront un caractère définitif. Que nos lecteurs et amis ne nous en veuillent pas, mais qu'ils songent que FRANCA ESPERANTISTO tombe parfois entre les mains de personnes peu favorables à notre langue !

La Commission Scolaire aimerait être informée, pour faciliter son travail et ses démarches, des diverses expériences d'enseignement de l'espéranto, qui ont eu lieu ou qui ont lieu actuellement (et quel que soit le résultat) dans des Etablissements d'enseignement officiel. Ces expériences paraîtront toujours dans F.E. dans la rubrique « CAMPAGNE SCOLAIRE » accompagnées d'un numéro, pour conserver l'anonymat et ne pas gêner d'éventuelles interventions ultérieures.

EXPERIENCE N° 1. — Dans un collège secondaire, le Principal et un professeur sont espérantistes ; une trentaine de familles, sur proposition du Principal, font inscrire leurs enfants pour suivre le cours d'espéranto, fait par le professeur de l'établissement. Les cours commencent et le Principal sollicite, par voie hiérarchique, du Ministère de l'Education nationale, un crédit de 40 NF par mois, pour payer les heures de cours au Professeur.

Malgré l'avis favorable de l'Inspecteur d'Académie et du Recteur de l'Académie intéressée, le Ministère a refusé.

Cette expérience est malgré tout très intéressante et mérite l'attention de nous tous !

Pour terminer, signalons que MM. CURNIER, à Bergerac, FRANGEUL, à Angers et MIRANDE, à Bordeaux, ont commencé à envoyer les deux prospectus L'ESPERANTO ET LA CULTURE, L'ESPERANTO DANS L'ENSEIGNEMENT à des membres de l'Enseignement et à des personnalités. Cette action doit continuer et s'amplifier, car le plus souvent, l'indifférence et l'hostilité à l'égard de l'espéranto, ont pour cause l'ignorance, et c'est nous, Espérantistes, qui sommes responsables de cette ignorance !

A. RIBOT.

★

**BERGERAC.** — S-ro Curnier a envoyé les deux tracts « L'Epéranto et la Culture » et « L'Espéranto dans l'Enseignement » aux principaux membres de l'Enseignement de sa région, ainsi qu'à certaines personnalités.

★

**« L'ESPERANTO DANS L'ENSEIGNEMENT ».** — Un petit exposé de quatre pages (remarquable par sa clarté et sa concision) sur la Langue Internationale et la question scolaire. M. A. Ribot a composé par ce tract un moyen d'information générale fort utile.

**« L'ESPERANTO ET LA CULTURE ».** — Celui-ci complète le précédent en attirant judicieusement l'attention sur les manifesations culturelles, auxquelles la langue donne lieu. En quatre pages d'une lecture fort agréable Mlle Jeanne Dedieu, professeur d'espagnol, donne un aperçu rapide mais vivant de la variété et de la richesse de ces manifestations.

## LIBERA TRIBUNO

— De kie, kiam kaj kiel venos al ni la definitiva sukceso ?

— Laŭ mia opinio la respondo dependas de tio, ĉu ni ekzamenas la demandon de la individua aŭ de la nacia vidpunkto.

Ja, Esperanto atingis sian nunan kontentigan staton nur, aŭ preskaŭ nur, dank'al la agado de individuoj...

Kaj la drameco por ni en tia situacio kuŝas tie : tiuj unuopuloj, kiuj, plej fervore, laboris kun Zamenhof, kun niaj Esperanto-societoj, estas kiuj fakte, tute ne bezonas internacian lingvon, kiuj ja, krom uzado de Esperanto por grupoj, kolektadoj... sed ne por profitdonaj celoj, maloftege interrilatiĝas kun fremdlandanoj.

Ilia agado estis, estas... kaj ankoraŭ estos, do, abnegaciema.

Male, la individuoj, kiuj pro sia profesio ĝenerale sentas la nepran necesecon de ilo por interrilatiĝi kun alilingvanoj, opinias, ke Esperanto ne estas jam sufiĉe disvastiĝita por esti vere utila, kaj tial elektas anglan, hispanan, germanan... aŭ alian nacian lingvon.

Tamen !... Ekzemple, dum la ekdisvastiĝo de telefono, ju pli frue oni atingis la momenton, kiam jam multaj personoj havas sian propran telefonilon, des pli rapide kreskadis la alfluo de la petantoj pri telefonabono.

Same por ni, ju pli granda estos la nombro de tiuj, kiuj scipovas Esperanton, des pli rapide plikreskos tiu ilia nombro.

Sed ni konstatas, ke ĉirkaŭ ni la abnegaciemuloj, kiuj konsentas — sen ia ajn espero al estonta aŭ baldaŭ estonta monprofito — studi nian lingvon, fariĝis, jam de longe, malfacile troveblaj.

Tio, laŭ mia opinio, ŝajnas pruvi, ke la kampanjo por enkonduko de Esperanto en la lernejojn estas nun la plej utila, kaj eble la nura rimedo por grave kaj certe pligrandigi la nombron de la Esperantlingvanoj.

Se ni nun transiras al la nacia vidpunkto, la afero estas tute malsama, eĉ mala.

Ja, kelkaj grandaj nacioj opinias pli-malpli prave, ke ilia lingvo estas jam fakte duoninternaciiĝita kaj tial malestime ignoras Esperanton.

Sed la aliaj nacioj, ĉu pro la negranda nombro de siaj ŝtatanoj ĉu pro la malfacileco de siaj skribmaniero kaj lingvo, tre bone konscias, ke ili devos plimalpli frue akcepti alian lingvon kiel internacian.

Ĉial, aŭ almenaŭ pro multaj motivoj, ili emus adopti Esperanton.

Do la respondo pri mia demando estus : nian finsukceson ni atingos, kiam en landoj kiaj Francujo oni estos fortege multobliginta la nombron de la esperantistoj, kaj en aliaj, ĉefe mez-eŭropaj kaj orientaj nacietoj aŭ neciegoj, kiam la stato de nia afero estos konvinkinta la registaron, ke nur Esperanton ili povas saĝe adopti.

Se ni rimarkas, ke la enkondukon de Esperanto en la lernejojn povas efektivigi nur la registaroj, ni devas diri, ke ĉie ni devas finfine fidi al ili por plentriumfigi nian aferon.

Sed la demando tiam translokiĝas ! Kiel sufiĉe influi ilin krom per montro de konvinkaj rezultoj ?... Por ni en Francujo, ni ĉiam revenas al tiu demando : kiel nune pligrandigi nian membraron, kiam la ankoraŭ necesa abnegaciemo ŝajnas malofta eco ?

Tute simple oni respondos, ke per esperanto oni trovu facile oficojn, monrimedojn, kontentigajn salajrojn, k.t.p.

— Mi plene konsentas ! Sed denove : kiel ?... tio estas alia malsama afero !

Léon BELHOSTE.

★

# GAZETARA SERVO

### RAPORTO por la JARO 1959-1960

Dum la periodo inter la 51-a kaj la 52-a Naciaj Kongresoj, ni ricevis ĉirkaŭ kvin cent eltranĉaĵojn de gazetoj. Tio signifas ke, en nia lando, aperas ĉiutage pli ol unu artikolo pri la Lingvo Internacia. Jen tre grava kaj tre utila informado por nia afero. Per ĝi kreiĝas « klimato » ĉiam pli favora al Esperanto. Iom post iom la legantaro de la gazetoj — t.e. ĉiuj francoj — informiĝas pri la lingvo, kaj ekkomprenas ĝian valoron, kiel interkomprenilo, kaj kulturilo.

Dank'al agemaj samideanoj, nun ĉiuj grandaj regionaj jurnaloj volonte ricevas kaj publikigas novaĵojn pri la movado. Raportoj pri la Varsovia kongreso aperis en ĉiuj regionaj ĵurnaloj, foje kun fotoj. La lokaj manifestacioj de la Grupoj estas okazoj de raportoj volonte akceptataj de la Redakcioj.

Aliaj samideanoj sukcesis aperigi artikolojn en fakaj gazetoj — profesiaj, mutualistaj, sindikataj, k. t. p. Se la eldonnombro de tiuj gazetoj estas pli malgranda ol tiuj de la ĉiutagaj ĵurnaloj, ilia influo estas ĝenerale grava. Ili ja estas tre ŝatinda kampo de informado.

Oni povas do konkludi, ke pli kaj pli, la francoj estas informataj pri la Lingvo Internacia ; kaj fakte nun, granda parto de la publika opinio estas favora al Esperanto.

Kompreneble, ne ĉiuj ŝatas nian movadon, kaj de tempo al tempo, aperas artikoloj malfavoraj. Ili estas maloftaj. Nur du vere malfavoraj estis senditaj al ni — unu en « Le Canard Enchaîné », alia en « Combat ». Taŭgajn respondojn ili ricevis.

Ni devas danki la esperantistojn, kiuj sendas regule eltranĉaĵojn. LILLE, DIJON, MARSEILLE, TOULOUSE, BORDEAUX, NANCY, MONTPELLIER, ANGERS, TOURS, VIERZON, LYON, THIERS, jen la urboj de kie venis la pli granda nombro da gazetartikoloj. Sendube, en en la aliaj regionoj, ankaŭ aperas artikoloj pri kaj por Esperanto. Niaj samideanoj sendu ilin. Tiel, ni povos pli bone taksi la valoron de la pergazeta informado, kaj koni la favorajn gazetojn.

Sendu ankaŭ la malfavorajn artikolojn ; Ni devas koni la argumentojn de la kontraŭantoj por pli bone ilin forbati.

En ĉiu grupo, estu respondeculo, kiu sendos al ni, ĉiujn artikolojn aperantajn en lia urbo aŭ regiono. Tiel, ni povos fari statistikon de la presartikoloj, kaj ricevi per tio, utilajn informojn por nia agado.

Sendu la artikolojn al : S-ro MOTILLON, 10, place du 8-Mai, TOURS (Indre-et-Loire).



### INFORMOJ PRI ESPERANTO EN LA JURNALO « SUD-OUEST »

Dum la jaro 1959 la taggazeto « Sud-Ouest » publicis tridek-kvin komunikojn aŭ raportojn rilatajn al la Lingvo Internacia. La esperantistoj danke agnoskas la klopodojn de la Estraro de ĉi tiu gazeto, kiu aperigas ĉiujn niajn informojn, kaj ĉiam en tre bona lokmeto.

# 45-a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

Oficiala Antaŭkongreso : Arnhem (Nederlando) 27-30 julio 1960 ; Adreso : Pontanuslaan 7, Arnhem.

16-a Internacia Junulara Kongreso : Rotterdam (Nederlando) 23-30 julio 1960. Adreso : Eendrachtsweg 7, Rotterdam.

junio 1960.

**FAKAJ KUNVENOJ :** Internacia Scienca Asocio Esperantista anoncas fakkunvenon pri : « Kial oni iros al aliaj planedoj ? ». Adreso : Prof. B. Popoviĉ, Zagrebaĉka 18 D, Sarajevo, Jugoslavio.
Dum la Universala Kongreso okazos framasona kunveno. Adreso : R. Vander Elst, rue des Egyptiens 12, Egyptenarenstr., Ixelles, Belgujo.

**EKSKURSŜANĜO :** Laŭ peto de pluraj kongresanoj, la ekskurso al Antverpeno estas ŝanĝita de tuttaga al duontaga. Anstataŭ ĵaŭde ĝi okazos vendrede posttagmeze. La ekskursantoj havas nun la eblecon ekskursi ĵaŭde al Bruĝo aŭ al la Ardenoj kaj viziti la postan tagon la mondhavenon kaj arturbon Antverpeno.

**LIBERA KOMEDIO :** La Internacia Arta Teatro de S. Flego ludos dum libervola spektaklo la komedion « Friponaĵoj de Skapeno » de Molière.

**NOVA FILMO :** La firmo Gevaert decidis eldoni en la Lingvo Internacia la filmon « Lumĝermoj ». La filmo estos prezentita dum la Universala Kongreso.

**BELGA VESPERO :** La Loka Kongresa Komitato decidis, ke dum la Kongresa dimanĉo okazu Belga Vespero, dediĉita al la kongreslando, dum kiu la kongresanoj informiĝos pri la vivo kaj aspektoj de Belgujo.

**ANTAŬTEMPAJ ALVENINTOJ :** La Kongresejo (Palaco de Kongresoj/Palais des Congrès Kongrespaleis), situanta sur la Monto de Belaj Artoj je 100 m. de la Centra Stacidomo, estos malfermita por la kongresanoj nur ekde la sabato je la 8-a h. Frualvenintoj dezirantaj viziti Bruselon bonvolu eviti nenecesajn vizitojn al la laborŝarĝita Kongresa Oficejo. Antaŭtempaj kongresanoj povos renkonti unu la alian en la Kafejo « Monico Nord » apud la Norda Stacidomo, en Placo Rogier angule de Strato Brabanto.

**PARKADEJO :** La Parkadejo en la Kongresejo donas 50 % rabaton al la kongresanoj dezirantaj parkadi siajn veturilojn. La semajna karto estos aĉetebla en la Kongresejo ĉe la giĉeto ekskursoj je prezo de 75.- b.fr.

**STATISTIKO :** Ĝis la 15-a de junio aliĝis 1653 kongresanoj el 42 landoj.

**KOMUNIKOJ :** La nuna estas la lasta komuniko pri la preparoj de la 45-a Universala Kongreso de Esperanto. La Loka Kongresa Komitato deziras al ĉiu bonan vojaĝon.

G. C. Fighiera,
Konstanta Kongresa Sekretario.

La franca televido lasttempe prezentis grandan foton de Zamenhof, kiu estis unu el la temoj de la populara demand-ludo « TIC TAC DOU ».
Krome, la Franca Radiofonio utiligis la poemon « HO, MIA KOR », ĉe kroniko pri amatoraj sonbendaj programoj. La komentisto — S-ro Jean THEVENOT — samokaze reklamis pri la U.K. de Bruselo kaj la magnetofona servo de U.E.A. La elsendo okazis la 16an de julio, je 19 h. 50 (Mez-Eŭropa Tempo) per la ondolongoj 218 kaj 347 m. (FRANCE II).

## " VIVO DE LA GRUPOJ KAJ FEDERACIOJ "

*La Redakcio akceptas nur tajpitajn tekstojn en korekta Esperanto. Ni povas aperigi nur kliŝojn, sed NE simplajn fotojn.*



En la urbdomo, alparolo de S-ro ROCTON, la urbestro.
Meze, S-ro G. VÉRON, la prézidanto de la grupo.
Dekstre, S-ro TERRENOIRE, la ministro pri informado.

### LA 29-a NORMANDA ESPERANTO-KONGRESO EN DOMFRONT

Frue posttagmeze, la 14-an de majo, jam alvenis en Domfront, la partoprenantoj de la Kongreso, inter tiuj Gesinjoroj WILTSHIRE, el Nov-Zelando.

La loka grupo fine spertis, ke la preparlaboroj ne estis vanaj; jen Domfront fariĝis Esperanto-urbo.

20 h. 30 : kelkaj esperantistoj laŭvice parolis franclingve al la Domfronta publiko pri Esperanto kaj ties aplikoj en diversaj fakoj : junularmovadoj, lernejoj, edukado, vojaĝado, scienco; S-ro Wiltshire aldirektis kelkajn vortojn tradukitajn de S-ro BOSC.

22 h. : Komenciĝis la balo, kiun ĝojanta junularo malfermis per « farandolo »; dum la interakto okazis la elekto de « Fraŭlino Esperanto 1960 » kaj du honorfraŭlinoj.

Dimanĉon la 15-an de majo, okazis je la 9 h. 30, la laborkunsido. Esperanto estis la laborlingvo. Oni konstatis, ke la movado progresas en nia regiono; tion pruvis la diversaj raportoj, kiujn prezentis la delegitoj nome de siaj grupoj.

Je la 12-a, la 130 gekongresanoj retroviĝis en la granda salono de la Urbodomo, invititaj de la Urbestraro por honorvino.

S-ro ROCTON, Urbestro, amike kaj gastame alparolis la kongresantojn. S-ro TERRENOIRE, *franca Ministro pri Informado,* diris, ke la klopodojn de la Esperantistoj li rigardas kun granda simpatio, ĉar « la uzo de komuna lingvo estus tre utila ankaŭ dum la grandaj politikaj Konferencoj ». U.E.A.-Veterano GASSE substrekis, ke Esperanto jam ne estas espero, sed fakto. S-ro PETIT, Prezidano de la Eŭropaj Popoluniversitatoj, fiksis rendevuon kun la Ministro.

Je la 13-a, la gekongresanoj partoprenis komunan manĝon sub la prezidado de S-ro Urbestro. Ankaŭ tie okazis kelkaj — spritaj — alparoloj de S-ro Petit kaj Rocton.

La Esperanto-Grupo de Domfront, sub la agema kaj afabla prezidanteco de S-ro VÉRON, nun daŭrigos siajn klopodojn, por ke eble baldaŭ en Domfront kunvenu festantaj gesamideanoj.

---

### VETERANOJ.

En la vilaĝo Savigny-lès-Beaune, kiun mondfamigis unuarangaj vinoj, ankoraŭ vivas okdeksep-jara viro, kiu persone konis D-ron ZAMENHOF; kaj malgraŭ sia aĝo tiu nelacigebla fervorulo flue konversacias esperantlingve. Lia nomo : S-ro NUIDANT; ankaŭ lia edzino estas esperantistino.

Honoro al niaj veteranoj !

**LES ANDELYS (Eure). — Nia Esperantofesto.**

La 12-an de junio okazis nia unua kluba festo. Kelkaj knabinoj vendis programojn. Du sidis apud la enirejo kaj ricevis la enirprezon. Nia instruistino montris fotojn pri la kastelo Grésillon.

La gesinjoroj vizitis la ekspozicion : la klubaninoj montris al ili siajn kartojn, poŝtmarkojn kaj librojn.

La vizitantoj reiris al la seĝoj : kaj ni dancis, ni ludis teatraĵeton, kaj ni kantis en du grupoj.

Sinjoroj disdonis la diplomojn, gratulis la sukcesintinojn en la ekzameno.

Ĝis la venonta jaro, gesinjoroj !

Caron Josete, 11-jara, prezidantino de la klubo.

Vasseur Dominique, 9-jara, sekretariino.

**ANGERS.**

La du unuaj kulturaj vesperoj dediĉitaj al orientaj popoloj, organizitaj de la Esperanta Grupo de Angers, en ligeco kun la agado de UNESKO kaj U.E.A., okazis sukcese.

La *28-an de aprilo*, la serio komenciĝis per vespero pri Uzbekistano, kies programo estis aranĝita dank'al la helpo de esperantistaro de Taŝkent kaj de la Uzbeca Societo por kulturaj rilatoj.

Krom la legado de interesaj tekstoj, farita de pluraj membroj, esperantlingve, ekspozicio de fotoj en la ĉambrego, aŭdado de tipa Uzbeka muziko, prezento de kelkaj diapozitivoj (pruntedonitaj de samurbano, kiu vizitis Taŝkent), interesis multe la ĉeestantojn.

La *24an de majo*, okazis vespero pri Ĉinio laŭ samtipa programo. Esperantisto, kiu iris al Ĉinio kaj la Societo por Ĉina-Franca amikeco, estis sendintaj pli ol 80 diapozitivojn.

Multaj fotoj, kolorbildoj kaj papereltranĉaĵoj altiris la rigardojn de la personoj (esperantistoj aŭ ne), kiuj venis.

Tekstoj legataj alternis kun diskoj de ĉina muziko.

Proksiman vintron, ni daŭrigos tiun vesperan serion pri orientaj popoloj. Antaŭvidataj temoj : Hindujo, la Ciganoj, la Juda popolo kaj Israelo, Japanujo, k.t.p.

**Budo en la Foiro-Ekspozicio de Angers.**

Kiel ĉiujare, ni ricevis senpage budon en la foiroekspozicio de Angers, kiu daŭras 10 tagojn. (Bedaŭrinde, pro la granda nombro da pagantaj komercistoj en la foiro, la fako de la senpagaj propagandaj budoj estas nun ekster la foiro mem, sed tamen kontraŭ la ĉefa pordo).

**Nova strato « Esperanto ».**

La urbestraro de Montreuil-Belfroy, industria urbeto apud Angers, decidis atribui la nomon « Esperanto » al nova avenuo. La oficiala inaŭguro okazos la dimanĉon 21an de aŭgusto.

Vi estas kore invitataj !...

En la departemento Maine-et-Loire, jam estas stratoj Zamenhof en Angers kaj Baugé.

**Ekzamenoj.**

Pluraj gelernantoj sukcese trapasis ekzamenojn pri Esperanto.

**BEAUNE.**

Post plurjara dormo, spite la nelaciĝeman agemon de nia fervora U.E.A.-delegito, P-ro Lespagnol, la loka movado ŝajne revekiĝas. Dank' al la efika apogo, jam menciita ĉi tie, de niaj agemaj Diĵonaj gesamideanoj, S-ro Gilles komence de marto malfermis esp-okurson en urbdoma saloneto. Regule vizitas tiun kurson deko da diligentaj lernantinoj. Espereble tia reviviĝo de nia movado en la « Ĉefurbo de l' burgundaj vinoj » instigos la izolitajn gesamideanojn el urboj kaj urbetoj de nia bela regiono provi mem similan « semadon » en grundon, kiu povos montriĝi, post ioma plugado, mirige fruktodona.

**FEDERACIA KONGRESO DE BOURGOGNE.**

Ĝi okazis la 8an de majo en Chaumont (Haute-Marne) sub la honora prezidanteco de S-roj DUBOIS kaj NUIDAN.

S-ro CUGNY, Prezidanto, bonvenigis la geĉeestantojn, kaj dankis la organizantojn. F-ino LEPINTE, sekretariino, legis la moralan kaj financan raportojn.

Poste, S-ro MOISY, Negocisto pri delikataj vinoj, en Nuits-Saint-Georges (Côte-d'Or) pritraktis la komercan uzon de Esperanto kaj tiuokaze prezentis projekton pri reklam-afiŝo.

S-ro ARMATTE, instruisto en Dijon, difinis sian instruan metodon pri Esperanto al lernantinoj de la Grupo Voltaire (knabinoj), kies Direktorino F-ino FERRY ĉeestis la kongreson. Li ankaŭ klarigis sian vidpunkton pri la estonta disvastigo de la universala lingvo en la lernejoj de Dijon.

S-ro BIDEAU, Vic-Prezidanto de la Diĵona Grupo, raportis pri ties agado dum la jaro (Vidu F.E. N° 188-189 de aprilo).

S-ro LESPAGNOL eks-profesoro, kaj de longtempe lerta esperantisto, informis nin pri sia interesa korespondado kun altrangaj personoj el iuj internaciaj organizoj.

Je la peto de S-ro CUGNY, kiu esprimis la deziron, havi anstataŭulon, S-ro BIDEAU estis unanime elektita Prezidanto de la Federacio. Kun la certeco, ke li povos sin apogi sur la kompetenco kaj konsiloj de sia antaŭulo, S-ro BIDEAU dankis la ĉeestantaron pri la konfido donita al li.

Retenite de la oficialaj ceremonioj de la 8-a de majo, S-ro BARON, urbestro de Chaumont, komisiis tri urbajn konsilantojn por nin saluti.

Finfine, S-ro GILLES, organizanto kaj gvidanto de la Grupo de Beaune (Côte-d'Or) (nun : 8 lernantinoj),

erudiciulo, vekis viglan interesiĝon de lia aŭskultantaro per tre dokumentita paroladeto pri Esperanto.

Tio okazigis ideo-interŝanĝojn kun S-ro FREHAL, Direktoro de la « Junulara-Domo » kiu disponigis al ni la kunvenan kaj ekspozician ĉambrojn.

F-ino ARNOULD kaj S-ro PLOUARD, aktivaj geesperantistoj, en Chaumont, antaŭvidis kun S-ro FREHAL kontaktiĝi kun la Junuloj de lia « domo » en la celo organizi kurson.



(Kliŝo afable pruntedonita de « La Haute-Marne Libérée »).

Kongreso de la Federacio de Bourgogne, Chaumont (Haute-Marne).

## TURISTA, GASTRONOMIA, INTERNACIA ANTAŬRALIO DE LA KAMPADISTOJ EN DIJON, de la 22a ĝis 27a 7.60.

Provizora programo rezervita por la Esperantistoj.

*Dimanĉon :* Posttagmeza ripozpremenado en la ĉirkaŭaĵoj. De Dijon al Fixin (7 km.) per aŭtobuso. Vizito al Napoleonaj tombomonumento kaj muzeeto en la Parko Noisot. La Cent ŝtupoj (interkrutejo).

*Lundon :* Vizito de la urbo komentariita en esperanto de S-ro CUGNY, U.E.A. Delegito (samtempe kun la aliaj grupoj).

*Mardon :* Honorvino. — Esperantista ekspozicio kaj propagando al la neesperantistoj. Disdono de kvinlingvaj prospektoj.

Precizoj estos anoncitaj per laŭtparolilo kaj sur tabulo.

Sin anonci al : P. CUGNY, 14, rue Auguste-Brullé, DIJON.

Por pliaj informoj aldonu poŝt-markon.

## ALVOKO AL FRANCAJ ESPERANTISTOJ.

Ni, en la Centra Kulturdomo intencas aranĝi grandskalan « *Franca-Hungaran* » letervesperon por junuloj en monato aŭgusto, bonvolu informi pri nia intenco ĉiujn francajn gejunulojn kaj ĵurnalojn.

Por nia publika propaganda ekspizicio ni petas multajn salutleterojn, kartojn, librojn, revuojn, glumarkojn, kaj aliajn esperantaĵojn !

Bonvolu dissendi nian peton al ĉiuj grupoj en Francujo, kiujn ni elkore antaŭdankas ! ! !

Adreso estas :

*Zamenhof Junulara Esperanto Fakrondo.*

Budapest 119. Poŝtkesto 6. Hungario.





(Kliŝo « L'Union »).

Iniciĝo en la urbdomo (Festoĉambro)




(Kliŝo « L'Union »).

Esperantista desegnaĵo.

## ESPERANTO-EKSPOZICIO EN EPERNAY

Okazis en Epernay bona ekspozicio, vizitita interalie de S-ro PHILIPPONNET, help-urbestro (sur la foto ĉi-flanke) kaj S-ro Jean LEMAIRE, urb-konsiliano.

La loka gazetaro favore raportis pri tiu ĉi manifestacio de la grupo, nun kreskanta kaj vigla sub la klera impulso de S-ro S. DEBAR.



## KONGRESO DE CENTRA-MONTARA E-FEDERACIO

Unanime estis adoptita de la kongresanoj en Vichy — la 15-an de majo 1960 — deziresprimo, prezentita de S-ro BLANC, instruisto en Sancoins.

Tiu ĉi bondeziro alvokas ĉiujn esperantistojn partopreni en la tutmonda kampanjo de U.E.A. por enkonduko de Esperanto en la lernejojn; kaj aparte ĉiujn *Esperanto-instruantojn*, profesiajn aŭ ne, « *ke ili faru sian tutan eblon por instrui la lingvon ĉie, kie eblas* ».

Verfakta kunlaboro efektiviĝu sur la internacia kampo inter U.E.A. kaj, I.L.E.I., kaj sur la franca teritorio inter la ĉefaj asocioj.

N. DE LA R. — Ĉar estas nun funkcianta komuna *interasocia komisiono* tiucele, oni bonvolu doni konfidon al ĝi por kunordigi la kampanjon (vid. p. 98).



## GRUPO DE LYON.

Rigardo super la laborjaro 1959-1960.

Iom pli bona rezulto pri la nombro de la gelernantoj de niaj diversaj kursoj en Lyon kaj en la apudaj urboj. Entute 42 gelernantoj : 10 sukcesis ĉe la « Atesto pri Lernado », kaj 2 ĉe la « Supera Atesto pri Lernado ». En aŭtono 1959, ni faris pli multe da anoncado por niaj kursoj per la ordinara metodo, kaj, plie, ni decidis doni premion (vojaĝon kaj restadon en Bruselo okaze de la Kongreso), kies gajnanto estas elektita (per lotumado, ne laŭ la nombro de la gajnitaj poentoj) inter ĉiuj sukcesintoj ĉe la ekzameno. Nun, la lotumado okazis kaj la feliĉa gajnintino estas F-ino Guthmuller, instruistino. La mono necesa venis de la pago de la kursoj.

Niaj monataj kunvenoj havas ĉiam bonan nombron da aŭskultantoj (40-50). Dufoje, ni organizis dum tiuj kunvenoj diskutadon inter ĉiuj pri temo indikita 2 aŭ 3 semajnojn antaŭe. La unua temo estis « Kiel vivi kaj agi por esti bona Esperantisto », kaj la dua temo « Ĉu la moderna mondo kondukas al la liberigo aŭ

al la sklavigo de la homo ». Aspektas, ke tiuj diskutoj estas konsilindaj. Ili donas vivon al iu kunveno, kaj permesas al ĉiuj paroli en Esperanto.

**GRUPO DE MARSEJLO.**

La grupo estis fondita la 4-an de decembro 1902, sekve de komunikaĵo, farita de S-ro L.L. Boell al la Geografia Societo. Ĝin prezidis S-ro Barthelet, vicprezidinto de la Komerca Ĉambro, membro de la Marsejla Akademio. Lin ĉirkaŭis S-ro Rondel bankiero, S-ro Godefroy bibliotekisto de la Scienca Fakultato, S-ro Raoul Busquet departementa arĥivisto, S-ro Valère Bernard pentristo, eks- « *Capoulié* » de « *Félibrige* », K-lo Faure-Durif, D-ro Rapine, k.c.

La 21-an de marto 1932 la grupo estis reorganizita sekve de prelego, farita de S-ro H. Bourdelon.

Nuntempe ĝia sidejo situas 55 rue Paradis (3-a etaĝo), kie la kunvenoj okazas ĉiulunde je la 18-a 30.

La nuna komitato konsistas el :

S-ro H. Bourdelon prezidanto (28-a jaro), S-roj J. Beau kaj F. Cadenel vic-prezidantoj, S--ro P. Saretto ĝenerala sekretario, F-ino Danielle Valériano helpsekretariino, S-ro H. Reymond kasisto, S-ino C. Bourdelon helpkasistino, S-ino M. Cadenel bibliotekarĥivistino, kaj la komitatanoj : S-ino D. Jurquet, F-inoj C. Chini, J. Galland, M. Jabouin, kaj S-roj F. Garrigue, M. Cousineau kaj L. Pelletier.

## NORD-FRANCA FEDERACIO

**Bourbourg.**

Dank'al S-roj DOYELLE, DUFOSSÉ kaj aktivaj geamikoj, sukcesa esperanta tago okazis la 22-an de majo. Pli ol kvindek gepartoprenantoj honoris pionirojn de la Nord-Franca Federacio, ges-rojn René CURNELLE, kaj festis la laŭreatojn de la « Atesto pri Lernado ».

Ĉe urbodomo ornamita per flagrubandoj, S-ro VILAIN, urbestro, simpatie akceptis la ĉeestantojn kaj promesis moralan kaj financan subtenon al la loka klubo.

Sur la podio sidis la nova estraro kun S-roj DUMARQUEZ, vic-prezidanto, kaj CURNELLE, prezidinto.

S-ro DOYELLE dankis la urbajn instancojn kaj malfermis la kunvenon per salutvortoj.

S-ro ODENT, prezidanto, gratulis la respondeculon kaj donis informojn pri la nova biblioteko. Li proponis modifon de la kotiz-sistemo kaj aranĝon de proksimaj kongresoj, ĉu en DESVRES, ĉu en CAUDRY.

S-ro CURNELLE oficiale anoncis sian intencon forlasi la regionon por kunlabori en la funkciado de la kultura domo en Baugé. Post la raporto de S-ro BOURGEOIS, ĝenerala sekretario, okazis disdono de la diplomoj de la Franca Esperanto-Instituto.

Honorvino, bankedo, muziko kaj sonbenda programo konsistigis la distran parton. Krome, dana esperantisto, S-ro Stig BERTELSEN SKOLE, fakdelegito de U.E.A., parolis pri la utileco de la Lingvo Internacia kaj pri sia originala vizon-bredado en Brêmes-les-Ardres (Pas-de-Calais).

Post decido de la ekzamena komisiono, 22 kandidatoj ricevis la Ateston pri Lernado. Jen la nomoj de la laŭreatoj : R. Dervillers; Louf R.; Splingart M.; Leclercq J.E.; M. Drieux; M. Legrand; D. Darchicourt; Vandembroucq D.; Doyelle M.; Feart R.; Vasseur C.; Tomasek M.; Lemire A.; Ligot M.; Lenel R. kaj F.; Giloteaux Lilli; Ringotte A.; Splingart A.; Delattre R.; Chevallier R.; Seingier J.P.

**Hénin-Liétard.**

S-ro LANGENBERG, el Wormerveer (Nederlando) partoprenis kunvenon de la klubo. La eksterlanda gasto prelegis pri Nord-Holando kaj la utileco de esperanto dum vojaĝoj kaj kongresoj.

**Lille.**

Antaŭ ol gastigi plurajn eksterlandanojn, membroj de Lille-Eperanto vizitis novajn kaj malnovajn partojn de sia loĝurbo. S-ro A. LABIT lerte gvidis la instruan promenadon.

Pluraj anoj posedas magnetofonon kaj interŝanĝas sonleterojn kun diversaj landoj.

**Roubaix-Tourcoing.**

Vigla kunveno okazis dank'al la ĉeesto de S-ino M. REISSNER, el Berlino.

La U.E.A.-delegitoj de Roubaix kaj Tourcoing kunlaboris en la amika debato per multaj demandoj pri Germanujo kaj pruntedono de koloraj lumbildoj La gazetaro anoncis kaj raportis pri tiu ĉi interesa vizito.

Krome, la klubo intencas kontakti la novan Kulturan Centron de Tourcoing kaj plurajn lokajn asociojn.

## LA 20-a KONGRESO DE LA ORIENTFRANCA E-FEDERACIO.

Ĉirkaŭ 30 gesamideanoj partoprenis la kongreson.

S-ro Boyet, la federacia prezidanto,malfermas la kunsidon, kaj post kelkaj enkondukaj vortoj transdonas la parolvicon al la sekretario.

S-ro Colnot legas salutleteron ricevitan el la estraro de U.F.E., kaj leterojn senkulpigajn aŭ salutajn de diversaj federacianoj. Poste li pritraktas la moralan raporton : « Ne ekzistas multaj kaŭzoj, por ke la nuna raporto estu pli optimisma ol la pasintjara... Membroj, antaŭe aktivaj, nun opinias sin tro maljunaj kaj lasas la lokon al junuloj; sed junuloj estas malmultaj, konsideras sin nekapablaj kaj tro ofte malaperas ! »

Ekzistas nur du grupoj : Strasbourg kaj Nancy, kvankam estus eblecoj por pluraj aliaj (ĉefe Mulhouse, Bar-le-Duc, Epinal). Ni havas nun 80 « aktivajn » membrojn (lastjare 77, en 1958 ankaŭ 80 !). La plej efika agado ŝajnas ĉi-jare la japanaj vesperoj, organizitaj de S-ro Manceau en St-Avold kaj S-ro Denis en Bar-le-Duc; ili logis entute 750 personojn, ili ebligis la estigon de kurso kun 27 lernantoj en St-Avold kaj la interesiĝon de eminentuloj en Bar.

En la gazetaro nur anoncante lokajn esperantistajn eventojn (kursojn, kunvenojn, kongreson), ni sukcesis montri, ke Esperanto vivas; ĉirkaŭ Nancy la sekretario dissendis al gazetoj 13 seriojn da artikoletoj (entute ĉ. 40 pecoj, el kiuj 25-30 aperis laŭ kontrolo nia). Ni

aldiru, ke S-ro Denis malavare disdonis la lastan verkon de P. Delaire al eminentuloj de Bar, kaj ricevis favoran akcepton.

La kunvenoj de la grupoj okazas regule en Strasbourg, malpli en Nancy, kie la junulara sekcio preskaŭ tute disflugis. La « Informilo » regule aperis : harmonia kunlaboro inter S-roj Chapellier, Frondrillon kaj la sekretario ebligis aperon de 4 numeroj, spite la mankon de redaktoro.

Sume nia federacio vivis iom pli ol pasintjare : al ĉiuj membroj ni alvokas, por ke per ĉies kunlaboremo la nunaj rezultatoj almenaŭ dekobliĝu !

Poste S-ro Boyet klarigas siajn kontaktojn kun U.F.E. ; la ĉeestantoj unuanime aprobas la raporton de la nacia asocio, aperintan en aprila F.E., kaj delegas S-ron Chapellier, kiel reprezentanton de la federacio en la kongreso de Montélimar.

Tiam estas pritraktataj la internaj problemoj : estas elektitaj dek komitatanoj : S-roj Boyet (Sarreguemines), Chapellier (Nancy), F-ino Colin (Lunéville), S-roj Colnot (Nancy), Degrelle (Jœuf), Denis (Bar-le-Duc), Férez (Strasbourg), Fondrillon (Nancy), F-inoj Jacquot (Epinal) kaj Kuhn (Strasbourg).

Inter kelkaj prezentitaj sugestoj estas la deziro, ke estu :

1° studata la problemo pri unueciĝo de la laboroj entreprenitaj de ĉiuj personoj, kiuj sur tuta la franclingva teritorio klopodas instrui la lingvon ;

2° elektita unu elementa lernolibro, grandakvante eldonebla je malalta prezo ;

3° prizorgita la interligo de la lernantoj.

Posttagmeze dum komitata kunsido estis elektita la estraro : S-ro Boyet, prezidanto ; S-ro Colnot, sekretario ; S-ro Chapellier, kasisto.

## PARIZA ESPERANTO-GRUPO.

### Niaj kunvenoj

Dum la libertempaj monatoj, niaj vendredaj kunvenoj okazos, kiel dum la pasintaj jaroj, en la ĝardeno Tuileries, apud la Karusela Triumfarko.

Rendevuo inter la 20.30 kaj la 21-a h. ĉe la aleo iranta de la Triumfarko al la baseno.

### Geedziĝo

La 18-an de junio, geedziĝis S-ro Pierre Royer, komitatano de nia Grupo, kaj F-ino Michèle Blanchard, en la preĝejo Sankta Petro-Sankta Paŭlo, en Clamart.

Niajn plej bonajn dezirojn al la nova paro !

## ESPERANTO-FEDERACIO LANGUEDOC-ROUSSILLON

### Perpignan.

Kun granda ĉagreno, ni eksciis pri la morto en Céret de nia tre kara samideanino, S-ino Terezo JULIA.

Antaŭ pli ol jarcentduono, ŝi jam estis aliĝinta al la Esperanto-Movado, kune kun sia edzo. Ili, veraj pioniroj de la « frua horo », kun sindono kaj kuraĝo senlace propagandis Esperanton.

Ili interkonatiĝis kun D-ro ZAMENHOF, okaze de la Universala Kongreso de Esperanto en la jaro 1909-a.

De tiam, ili ambaŭ regule kaj akurate ĉeestis la « U.K. », la naciajn kaj regionajn kongresojn.

Dum multaj jaroj, S-ino Julia gvidis en Céret Esperanto-Kursojn, precipe por la junulinoj.

Malgraŭ la nekonsolebla aflikto de la morto de sia edzo, ŝi estis ĉiam vigla kaj agema (kvankam tre maljuna dum la lastaj jaroj). Efektive, ŝi mortis nur kelkajn tagojn antaŭ sia okdek-oka datreveno.

Membro ĝis lasthore de U.E.F./U.E.A., ŝi regule abonis la diversajn revuojn de Esperanto kaj sekvis tre fervore konkursojn de krucvortoj kaj similaj.

Multaj tre merititaj premioj rekompencis tiun paciencan laboron.

Ĉeestinte multajn kongresojn, S-ino Julia havis, kompreneble, multajn geamikojn kaj gekorespondantojn en la tuta mondo.

Ŝi volonte ofte diris : « Mi estas plene feliĉa nur kiam samideano vizitas min.

Antaŭ nelonge, la gelernantoj de la « Kultura Centro de Esperanto » en Perpignan, gvidataj de la Profesoroj, vizitis ŝin.

Ŝi tre afable ĉiujn akceptis hejme, kaj regalis ilin bonvene per pokalo de regiona bongusta vino.

Poste, ŝi iris kun ili sur la grandan terason de la domo, antaŭ la majesta montaro.

Tie, ĉiuj kantis fervore katalunajn kaj esperantajn poemojn, ne forgesante, por konkludi, la kanton de « La Espero ».

★

Sed, de post tiu memorinda tago, ĝis la nuna horo, ni travivis gravajn okazintaĵojn, kaj la morto, senkompate elektis viktimojn !...

— Ho ve ! tre kara samideano Julia, post la peniga batalo de la vivo vi forlasis nin. Sed, ni ne forgesos vin. Via memoro estos por ĉiam vivanta inter ni ĉiuj. — R. L.-W.

*Lastminute — 28 gelaŭreatoj en Esperanto-ekzameno.*

Ricevis la *Ateston pri Lernado :*

F-inoj Berdaguer Michèle, Besombes Thérèse, Bonnery Henriette, Borras Eglantine, Delmas Yvette, Galinier Renée, Grégoire Clémence, Molinier Monique, Monceu Thérèse, Poveda Lolita ;

S-roj Bradtke Jean, Bonafos Didier, Bonet Francis, Cabarrocas Gilbert, Cardona Nestor, Correas Pierre, Ducanchez André, Dufour J.P., Glory André, Grange René, Legall René, Marques Robert, Miralles Jean, Orti Julien, Ovejero Jean-Claude, Roger Georges, Rouzaud Alain, Tixador André ;
gelernantoj de la porinstruista lernejo en Perpignan.

★

# RECENZOJ

La redakcio recenzigas nur duope ricevitajn librojn, ĉar 1 ekzempleron ricevas la biblioteko.

*PRECIS d'INTERLINGUISTIQUE générale et spéciale* (Kompendio de interlingvistiko ĝenerala kaj speciala). — D-ro M. MONNEROT-DUMAINE. — Volumo 15,5 × 22,5, 210 paĝoj, 30 bildoj, 23 NF. Eldonejo MALOINE S.A., Paris 1960.

Ĉi-jare jen ŝprucis en la franca lingvo nova libro por kolektantoj de lingvo-projektoj !

« **Tiu ĉi verko estas nur eseo.**

« **Ĝia aŭtoro estas nek lingvisto, nek poligloto, nek logikisto aŭ historiisto. Li estas sole nur amatoro.** »

Tion ĉi simple proklamas almenaŭ la aŭtoro mem en sia « averto ». Sed ni ne lasu nin erarigi per vortoj de tiel alta modesteco, inda je multjara ĉina tradicio.

« **Se mi havus la voĉon de Orfeo kapablan kortuŝi rokojn...** » iam ekkriis poeto ! Verfakte ni legas en tiu ĉi libro lertan pledon, la pledon de elokventa idisto, kiu unu fojon pli proponas kompromison, vid. p. 148, 149 kaj ĉefe 107 kun jena piednoto « **Mutual Compromises between Esperanto and Ido — The International Language Review, Oct.-Dec. 1958, V, n° 13** ». Nu, kun malgrandaj pli malpli personaj variantoj tiaj kompromisaj klopodoj estas « reciprokaj » nur nomindike, kaj pelsekvas ĉiam la saman celon : — « **Forlasu vian lingvon, kiu jam de pli ol sepdek jaroj taŭge funkcias,** ŝajne postulas la idistoj, **kaj ni iros kun vi iom vivigi la nian !** ». Poste ili miras, ke kompreneble ne respondas la esperantistoj al ilia voko, ili eĉ ĉagreniĝas kaj tuj taksas vin je konservatismo ! Dume ili eĉ ne rimarkis la malrapidan kaj naturan, enriĉigan evoluon de la Lingvo Internacia, pri kies kono ili obstine « konservadas » sole nur la lernitajn elementojn de 1907.

★

Por prezenti sian kovitan strofon sub ŝtofo de skrupula senpartieco nia lerta pledanto pritraktas la tutan demandon rilatan al internacia lingvo.

Unue li mencias la pazigrafiojn (inter ili aperas la nazpinto de « Picto » kaj la kodo de Baden-Powell). Poste li rapide eliminas la tri nekontentigajn solvojn proponitajn en nia lingva ŝtonepoko : adopto de nacia lingvo (eĉ baza) — adopto de antikva lingvo (eĉ simpligita) — adopto de du-, tri-, (plur-), lingvismo nacia. Notindaj argumentoj.

Tiam li ekanalizas la ĝeneralajn bazojn de internacia lingvo : alfabeto, fonetismo, akcentado, koncizeco — deveno de la baza vortaro — derivado : stumpovortoj, derivitaj kaj kunmetitaj vortoj — distingo de la parolelementoj — gramatiko — resumo de la ĝeneralaj karakterizajoj — la interlingvistoj.

Nu, ni diru tuj, ke la intenco estas laŭdinda : studi per komparo la donitaĵojn de la problemo, evidentigi la neprajn kondiĉojn de vere internacia interkompreniĝo, iel malmunti la mekanismon komunan al ĉia lingvo, eldiri la nemalhaveblajn principojn, montri la bazon, kiu pravigas la gramatikajn regulojn, — jen kio povus esti por la ne-informita publiko — al kiu sin turnas ja la aŭtoro — bona okazo de espereble fruktodona pripensado. Kaj en tiu ĉi rilato kun rezervoj pri tiklaj punktoj aŭ gravaj eraroj la libro enhavas valorajn rimarkojn.

Sed forta estis la tentiĝo por nia pledanto, tiel forta, ke bedaŭrinde en la pritraktado ne mankas ankaŭ la okazoj direkti kaj eĉ ripeti malpravajn kritikajn sagetojn al la Lingvo Internacia : kelkaj estas sensignifaj, kiel tiu pri la supersignoj (la mamuta afero !) ; — aliaj tre subjektivaj, kiel tiu de laŭdire malagrablaj sonoj interalie en **-iaŭ** (ni scivole kaj mirege konstatis, ke entute estas nur tri radikoj tiaj : **adiaŭ hodiaŭ kaj miaŭ ! ! !** Kaj vane ni priserĉis vorton en **-ieŭ,** probable tian revadis la « amatoro ») ; — ceteraj tute partiaj kaj aprioraj, kiel tiu pri la principo de « retro-derivado », per kiu jam senvualiĝas la disĉiplo de la ĝisosta logikisto L. Couturat (*).

Krome montriĝas multaj eraroj aparte pri la etimologio de la Esperantaj elementoj : L.L. Zamenhof estus inventinta ekzemple la sufikson **-ej.** Ni varme konsilas al la aŭtoro legi kaj studi la verkon de Prof. G. Waringhien « **Lingvo kaj Vivo** ». Fine elstaras kelkaj kontraŭdiraj prijuĝoj, tiele p. 53 la aŭtoro alte taksas la utilecon de la n-finaĵo per cetere erara ekzemplo **(la patro la filion amas),** p. 54 li agnoskas la valoron de adjektiva akordo, kaj p. 107 li facilanime postulas la forigon ĝuste de adjektiva akordo kaj de akuzativo (!). Sed oni eble rimarkigos al ni, ke tion ĉi kaŭzis la dezirata senpartia pozicio. Nu, kial do kritiki unu punkton kaj ne la alian ? Kial tiam sur p. 66 apenaŭ diskuti la supernaturalisman principon de radikara homogeneco, kaj sur p. 67 ne pli detale ekzameni la demandon de popola kaj scienca lingvaĵoj ?

D-ro M. Monnerot-Dumaine estas kuracisto : tion ĉi oni klare divenos en la fino de la unua parto, kie li redaktas patologian paragrafon, certe ne oportunan por veki interesiĝon de la publika opinio pri internacia lingvo.

★

En la muzeon de lingvaj relikvoj ni penetras per la dua parto, kie, imitante sian faman majstron L. Couturat, D-ro M. Monnerot-Dumaine prezentas klasifikan kompilaĵon de plej diversaj projektoj. Kio donas novan eblecon por ripeti kaj akcenti kritikojn, tiel preparante la neston por elkovi sian kompromison. Memkompreneble Ido ricevas apenaŭ unu rimarkon : tio estas des pli okulfrapa pri la celo de la verko !

Tre malmute da gusto ni havas por tiu erudiciula sporto, kiu konsistas en klasifikado de **misnaskitaj projektoj !** Tamen per ties defilado oni ĝuas bonan spektaklon : almenaŭ, oni povas ja spekti, kia estas la ĉevaleto de multaj el la nunaj sin alnomantaj « interlingvistoj ». Ne temas pri unu aspirado doni al la homoj simplan, klaran, celtaŭgan rimedon interkompreniĝi ; gravas antaŭ ĉio la strebado vane diskuti pri gustoj aŭ « bizancecaj » temoj. Pro blinda kulto al la historiaj ĉarmoj de Klia oni saltadas de projekto al projekto cele al la miraĝa perfektega lingvo, kiu de utopio al utopio neniam havos la tempon konkretiĝi en reala uzado. Sed ne ĝenas : la « **projekto** » fariĝis intelekta distraĵo pli ol necesa esprimilo : post jarcentoj eĉ jarmiloj ili ankoraŭ povos interargumentadi ! Oni rajtas ja bedaŭri, ke tiel vane ili malŝparas tiom da energio, kiu je la servo de la Lingvo Internacia farigus al la pli ol iam ajn aktuala demando paŝegon antaŭen.

La kompatindan leganton oni kvazaŭ invitas fari elekton aŭ pli ĝuste forĝi al si opinion el inter tiom

(*) Alidire :**la principo de returnebleco. Kiel trafe deklaris Prof. G. Waringhien : « La Couturat-a tezo similas la ĉevalinon de Rolando, kiu havis ĉiajn kvalitojn, krom tio, ke ĝi estas mortinta » (« Lingvo kaj Vivo », p. 95).**

da diversaj sistemoj, ke ni volonte vetus laŭ la proverbo « kiom da homoj, tiom da gustoj » : post cerbuma legado ĉiu forĝos por si ne opinion sed **propran lingvon,** tute forgesante, ke la ĉefa afero neniel koncernas la sekson de la anĝeloj ; lingvo estas **socia fenomeno,** kaj pli utilas la praktika uzado ol plej subtilaj akademiaj babiladoj. Tia kompilado de sistemoj eĉ malutilus pli ol ĝi servus por la disvastiĝo de la Lingvo Internacia, ĉar ĝi tute ne atentas ja la esencan diferencon, kiu ekzistas inter cerbumaj kovitajoj kaj jam uzata — ne nur skribe sed ankaŭ parole — viva lingvo. Eĉ tiurilate la plej delogaj paĝoj kuŝas ĉe la fino, kie profetas D-ro Inĝ. Stefano Bakonyi, infektite je **etimologi-ito !**

Sed ni lasu la t.n. « interlingvistojn » rajdadi sur siaj ĉevaletoj : bonan vojaĝon al ili ! Ni, esperantistoj, bone scias, ke senĉese povos veni novaj kunludantoj en la turnirejon, kiun D-ro M. Monnerot-Dumaine ĵus donacis al ili por daŭrigi la batalon ! Krom tiu ĉi rezervo la libro estas tamen salutinda provo interesigi la publikon ; kaj, ni ja uzas lingvon, per kiu ni trafe interkompreniĝas, plezure esprimas niajn pensojn kaj sentojn ; ĝuste ĉi tiun lastan punkton la libro forgesis mencii : jam de pli ol sepdek jaroj nia vigla lingvo forĝas al si vivan tradicion, emocian vorttrezoron kaj riĉan literaturon. Plue ni fosos nian sulkon !

Jean THIERRY.

« *ESEO PRI LA DINAMIKO DE LA ESPERANTA VORTFARADO* » — depresaĵo el *Esperantologio II,1* ĵus aperinta. — D-ro Andreo ALBAULT. — La aŭtoro povas sendi ekzempleron al interesito kontraŭ *1,50 NF* (en 0,25 NF poŝtmarkoj) aŭ kontraŭ *3 rpk.*

Jam de longe oni studas la principojn kaj regulojn, laŭ kiuj formiĝas la vortoj en Esperanto : pri tio eĉ fluadis (-adas) boteloj da inko pro diversaj, fojfoje polemikaj, miskomprenoj aŭ aprioraj teorioj ! (*) Sed en tia vortanalizo la penso kutime ekiras de la jam uzata vorto al ties elementoj : oni pririgardas « la rezulton de la parolo » por elmontri la interrilatojn de la vorteroj, oni iel **dissekcas** por eldiri la anatomiajn artikojn de la vortkorpo ; kaj ne mirige, se eĉ foje tia **statika** studo povas ekster kunteksto aspekti kvazaŭ nekropsio !

D-ro A. Albault atentigas nin pri la **dinamiko** de la vortfarado, se tiel daŭrigi komparon, pri la fiziologia efiko de la vorteroj, pri la « **spontana, vigla, verva, viva** » estiĝo de la vortoj. Kiel observema klinikisto, li unue raportas ekzamenojn faritajn super du ekstremaj kazoj, la lingvaĵo de tri-kaj-duon-jara infano kaj la lingvaĵo de filozofo. Kiu observado kondukas lin elmontri, ke, kontraŭe al tio, kio okazas en la okcidentaj lingvoj — per kiuj oni povas pensi nur surbaze de jam **pretkonstruitaj** vortoj —, estas ebla en Esperanto **forĝi la vortojn mem samtempe kun la frazoj,** tial ĉar la plej eta viva elemento estas ne la vorto sed la **vortero** (radiko aŭ t.n. afikso). El tia libera spontaneco de vortigo sekvas natura penso ne katenita per pli malpli ŝtonigaj vortoj : kio grandaparte prilumus la facilecon de Esperanta konversacio kaj interalie kontribuus doni al la Lingvo Internacia ties karakteron de viva lingvo.

El la sama vidpunkto li poste komparas diversajn sistemojn de lingvoj planitaj kaj de lingvoj ne-eŭropaj : unuflanke, « Occidental » kun siaj « **etimologiaj vort familioj** » reguligitaj, « Interlingua » kun siaj « **mezaj vortformoj** kabinetaj, « Volapük » kun siaj **afiksaj** « **vortformiloj** » plej ofte sen vere determinita signifo, — aliflanke, la japana kaj la armena kun siaj **aglutinaj vorteroj,** kies ludebleco restas tamen influata de kutimo kaj tradicio. Fine, la dinamikon de la Esperanta vortfarado li komparas ankaŭ kun tiu de modernaj nomenklaturoj — en medicino kaj kemio — kies elementoj estas ja simile **memstare signifaj.** Sekvas el la komparo, ke — se la strukturo de Esperanto, ŝajne proksima al tiu de kelkaj ne-eŭropaj lingvoj sed principe fremda al la derivsistemo de la okcidentaj lingvoj, estas verfakte pro sia senkateneco « io originala » — tamen analoga strukturo jam penetris ĉiujn civilizajn lingvojn per la sciencaj nomenklaturoj.

Konklude, Esperanto ŝuldus sian vortfaran spontanecon, kaj la sciencaj terminoj sian pli grandan klarecon kaj homogenecon, al unu sama struktura tipo, kiu similas tiun de kelkaj ne-okcidentaj lingvoj kaj — laŭ suspekto de la aŭtoro — « tre trafe respondas al la cerbomekanismoj, kiujn oni nun komencas esplori... ».

★

Tiu ĉi eseo pri tiel grava bazangula ŝtono, kiel la vortfarado, kunhavas resumon en la franca lingvo kaj detalan bibliografion ; ĝi okupis nian atenton precipe en rilato al du punktoj.

Ja la memstareco de la vorteroj ne estas novaĵo sed la reliefigo, ke **ĉefas la vortelemento,** kiel fonto de facileco en konversacio kaj ankaŭ de spontaneco en la pensesprimo, devus esti observata en lernolibra verkado kaj pedagogia studado. Ni scias ja, ke iom post iom lernanto alkutimiĝas uzi jam tute pretajn ne nur vortojn sed eĉ frazmembrojn : tiel estiĝas utila kaj necesa stoko da parolturnoj kaj dirmanieroj (kiu frazaro ankaŭ faciligas la pensovortigon). Tamen en Esperanto oni iĝas lerta parolanto, nur se de la vortkunmeta procezo la menso konservas plene konscia se ne la tuton almenaŭ unu parton, kiu ebligas kvazaŭ ludi per vorteroj laŭ la kunteksto. Ĉu ne ĵetas apartan lumon la eseo sur la demandon, kial en la parolkapablo penas ĝuste la lernanto, kiu, ne trafe konsilate kaj ekzercite pri la propra karaktero de la lingvo, daŭre emas parkerigi vortojn kvazaŭ ŝtoniĝintajn blokojn, anstataŭ alpropriĝi al si vivajn signifajn vorterojn ? Precipe por la plenkreska lernanto ia mensa gimnastiko povas esti des pli necesigita, ju pli lia menso estas stampita de unulingva kutimado.

Aliparte D-ro A. Albault deklaras : « Esperanto ja ŝajnas **pli natura por la spirito** ol multaj lingvoj, kies kapricoj tute similas al arbitraj kaj fantaziaj kreaĵoj ». Tiu ĉi noto ŝajnas al ni plej interesa pri la nocio de **lingvo-natureco.** La blindaj kultantoj al dogmeca « naturalismo » tiel obskurigis la ideon de « natura vorto », ke oni plej ĝenerale reduktas ĝin al tiu de etimologia, tradicia formo ! Nu, el la esprimila vidpunkto ĉu pro historiaj konsideroj pli « natura » estas vorto, ol pro vivsignifa spntaneco sur la lango aŭ sub skribilo ?

Jean THIERRY.

---

**NOTO DE LA REDAKCIO.**

Pro la abundo de la materialo pri kongresaj kaj grupaj raportoj ni devis prokrasti plurajn recenzojn : tiuj ĉi aperos en la venonta numero.

★

La redakcio bondeziras agrablan ferion al siaj gelegantoj.

---

(*) Aŭtoritataj verkoj : « Lingvo, Stilo, Formo » (D-ro K. Kalocsay) — « Plena Gramatiko de Esperanto » (D-ro K. Kalocsay kaj Prof. G. Waringhien) — « Lingvo kaj Vivo » (Prof. G. Waringhien).

# UN VÉRITABLE ESPÉRANTISTE S'INTÉRESSE FORCÉMENT A LA VIE DU Dr. ZAMENHOF

## A l'occasion du CENTENAIRE de sa naissance :

**Le Docteur ESPÉRANTO,** par M. ZIOLKOWSKA. La vie du Dr ZAMENHOF, éditée pour la première fois en français, à l'occasion du Centenaire de la naissance du Créateur de l'Espéranto. Par la richesse de sa documentation, ce livre constitue un excellent moyen d'information à offrir comme cadeau, ou à faire circuler. Devrait se trouver dans toute bibliothèque moderne. Volume de 168 pages.

Edition brochée .................................................. **6,50**

Edition reliée avec couverture simili-toile bleue et impression or ......... **13,50**

**Tampons Caoutchouc** destinés à l'impression de slogans sur les enveloppes. Ces tampons sont particulièrement recommandés pour faire connaître la langue. Nous avons les trois textes suivants :

Esperanto Lingvo Internacia .................................. **2,50**

Tout homme doit savoir deux langues : celle de son pays et l'Espéranto .. **3,50**

Bilinguisme ?... oui... Langue Nationale + Espéranto ................ **2,50**

Ces tampons permettent une information efficace et permanente.

Toutes commandes doivent être adressées à :
EDITIONS FRANÇAISES D'ESPERANTO, 11, rue Paul Vergnes, MARMANDE.
C.C.P. 30-900 Bordeaux.

### ĈINA ANTOLOGIO
### (1949 - 1959)

15,3 × 26 cm., 412 pĝ. en bela bindo kun 14 bildoj inkluzive 3 kolorajn, prezo : 7 NF.

En la ĝis nun plej granda esperanta libro aperinta en Ĉinio, estas prezentitaj 30 poetoj kaj novelistoj per 16 noveloj, 3 skizoj kaj 21 poemoj.



### EL POPOLA ĈINIO

Dumonata revuo aperanta en 36-paĝa kajero (19 × 26 cm.), riĉe ilustrita kun multkolora kovrilo.

Jarabono : 3,50 NF.

En Neuilly (Seine) mi vendas magazenon 55 m2, situantan sur larĝa avenuo, por ĉiaj komercoj. Skribu al U.E.F. kiu transdonos (Sin detenu agentejoj).

## ENIGMA KONKURSO

**Enigmo n° 8 :**

| | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| Z | S | P | A | B | D | H | M |
| N | E | E | A | E | S | J | I |
| P | O | T | I | A | I | A | A |
| S | A | B | R | O | R | V | E |
| N | L | N | R | J | **P** | V | L |
| N | A | B | S | D | A | L | A |
| I | A | A | A | I | S | A | O |
| R | O | K | A | V | N | U | P |

Sur la ĉi-supra tabelo, forirante el la nigra **P** kaj irante samkiel la ĉevalo de la ŝakludo, vi trovos du proverbojn.

Limdato por la sendo de la solvo : 30.9.1960, al S-ro J.A. ROUSSEAU, 64, avenue de Châtillon, Paris-14e.

**Solvo de la Enigmo n° 4**

Malfeliĉo sin ne ĝenas, faru geston, ĝi tuj venas
aMALgami — konFEsi — paLInuro — anCOvo — penSINta — korNEo — inĜEniero — diNAStio — aFAbla — faRUno — diGESti — difTONgo — aĜIoti — briTUJo — haVEno — kristNASko.

Langres. — Imprimerie Moderne

Le Gérant : J. GUILLAUME